2.ª JARO N.º 22 DUONMONATA ESPERANTO-GAZETO 15 SEPTEMBRO 1937

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

## KONTRASTO

Laŭ moderna metodo, en la ĵusa Konferenco pri la Mediteraneo ne estis seĝo por Hispanio. Unu sola voĉo tie plendis pri la manko; unu sola diplomato ne faris ĵonglojn per frazoj; la delegito de Sovetio, saĝe parolinta kvazaŭ advokato nia, nur uzis la sobran k energian tonon, kiu decas al normalaj cerboj. Sen krioj—sen frapoj sur la tablon!—li parolis klare k tuŝis la kernon de la temo. La rektaj akuzoj, kun sprita ŝelo, la solaj solidaj argumentoj diritaj en Nyon estas ankaŭ, ho kiel mirinde, la solaj vortoj kirasitaj per la volo de multaj milionoj da laboristoj, kiuj sperte scias kiel oni devas suferi por gajni la rajton ĝuadi liberon.

En hela kontrasto, la despotoj de Italio k Germanio blekas minace k ŝiras elementajn normojn de juro k humaneco. Ili fanfaronas pri la ofendo kiam flaras senpunecon; tamen ili estas abomene hipokritaj, antaŭ nepra respondeco, pri perfidaj atakoj faritaj sen konsento de la sklavigita popolo.

Kia abismo inter ambaŭ kondutoj!

Italio ofendas milite popolon fidante je ĝia malforteco, invadas fremdan hejmon dank' al naŭza komploto de ĝiaj gardistoj k, finfine, por kaŝi murdojn k ŝtelojn, ĝi nur prezentas la trivialan ŝtofon de stultaj mensogoj.

La alia nacio, Sovetio, defendas la rajtojn profanitajn de nia popolo. Per tiu nobla gesto, plene koincidas la decidoj de potenca registaro kun la deziroj de la sovetaj amasoj vibrantaj unuanime pri nia sorto—akuta sorto—en pli angora k proksima rilato kun la normala evoluo de la demokrataj landoj ol kun la brilaj realoj de la soveta Federacio.

Ni ja scias, ke, en ĉiuj pli aŭ malpli liberaj nacioj, la proletaro, kun granda kvanto da etburĝaro, sopiras pri nia venko k suferas pro niaj doloroj, sed, kie, krom en Sovetio k Meksikio, tiu honesta aspiro ricevas konfirmon, per faktoj, de la koncernaj ministroj? Ĉu ne okazas, multajn fajojn, ke ruzaj gvidantoj anstataŭ apliki la dinamikajn popolajn fortojn serve al la progreso, bremsas ilin favore al la reakcio, sub formo plej varia?

Tamen, malgraŭ ĉio, se jam ekbrilas fulma lumo inter ambaŭ diplomataj kondutoj, tio okazas pro nia granda provizo de oferemo. Unu jaro da milito, eltenata per obstino pli ol per taŭgaj armiloj, pezas multe, vole nevole, en la universala konscienco. Ĉiu popolo, kiu scias suferi k morti por defendi sian liberon, tiu ne povas perei! Ĉu estas ia ŝablono, tiurilate, nia aserto? eble jes, sed nur por la glacia cerbo de kelkaj skeptikemuloj. La hispanoj estas nun tro okupataj por dedukti subtilaĵojn pri la diferenco inter mistika fido k saĝa racio. Nia konvinko pri la triumfo estas ankaŭ konvinko pri la ekzisto de vivantaj popoloj en la cetera parto de la mondo. Pro vasta takso al tiu potenco, nia dialektika lukto ankoraŭ estas intensa en la fantazia kampo de la ŝtoniĝintaj principoj. Ankoraŭ oni devas perdi tempon, en stranga duelo, kontraŭ la pseŭdorevoluciaj rutinemaj devizoj—maltaŭgaj por la revolucio k malutilaj por la venko—en defendo de la revolucio k en profito de la triumfo.

Ĉar ankaŭ ja brulas kontrasto inter teoriaj klaĉoj k praktikaj agoj!

## STRANGA MANIERO ESPRIMI SIMPATION AL ESPERANTO

Okaze de la jubilea Esperanto-Kongreso en Varsovio, la Generalitato de Katalunio (aŭtonomia registaro) sendis salutan telegramon laŭ jena enhavo:

KATALUNIO, BATALANTE KONTRAŬ LA INTERNACIA FAŜISMO POR SIA LIBERECO KAJ SENDEPENDECO, NE FORGESAS LA JUBILEAN KONGRESON DE ESPERANTO KAJ SENDAS AL ĜI VARMAJN SALUTOJN KAJ BONDEZIROJN.—GENERALITATO DE KATALUNIO

Tiu ĉi telegramo vekis simpation inter la neŭtrala kongresanaro pri kio informis la faŝista radiostacio de Salamanka tiamaniere: «La bolŝevika kongreso de la juda lingvo Esperanto, en Varsovio, tralegis revolucian telegramon de la ruĝa registaro de Katalunio. La partoprenantoj, bolŝevikoj k judoj, laŭte aplaŭdis». La radia respondo estas almenaŭ pli vasta ol tiu fama letero per kiu Franko, tiel frandeme, esprimis simpation por nia lingvo, ĉu ne?

## Intimaj Konsideroj

Post la bapto de nia gazeto, unu sola deziro regis ĉe la redakcio: esti fidelaj al la titolo! Tio signifas krome esti fidelaj al centoj da miloj da batalantoj, kiuj luktas fakte por renversi la faŝistan danĝeron.

Nia specifa tasko nur estas liveri argumentojn al la amikoj evitante prezenti ĉifonojn k rubojn de niaj eraroj al la malamikoj. Ni akceptas fervore, kiel amikojn, ĉiujn personojn, kiuj rifuzas la abomenajn metodojn de la Faŝismo.

Por fari politikon, ĉiu el ni jam havas sian partion aŭ sian sindikaton. Nia gazeto estas afero tute aparta; ĝi estas sobra k serioza voĉo de honesta multfaceta pasio de popolo. Tamen, avidaj retoj de fanatika pasio ne pardonas niajn sukcesojn. Per konata demagogia rimedo: tratranĉi frazojn de sincera artikolo, verkita post eksplodo de blufa skandalo pri teroro, oni akuzas nin sisteme, pri unuflankeco, pro la herezo diri la veron k senlace esprimi dezirojn pri unueca harmonio, sur la bazo de pozitivaj materialoj, el ĉiuj opinioj, forĵetante kverelojn.

Popola Fronto—ni diru tion redenove—estas politika alianco de socialistoj, komunistoj k respublikanoj kun aliaj regionaj partioj; el tiuj ĉi elementoj konsistas la Registaro. Laŭ elementa logiko, ni opinias, ke por venki en moderna milito, tiel terura kiel la nia, oni nepre bezonas centran organon por la ĉefa gvidado. Tial ni estas defendantoj, sen kondiĉoj, de tiu supera institucio sen atento al politika konsisto, kvankam ni estas respektemaj por alies opinioj; sed respekto ne signifas submeti la akson al ofendoj k frapoj, tiel maljustaj kiam la supera gvidantaro estas preta akcepti plaĉe la kunlaboron k sugestojn de ĉiuj veraj antifaŝistoj.

Nia heroldo estas honeste malriĉa. Kvankam rigora administrado permesas prezenti bonaspektajn vestojn, ĝi ne profitas je la dika kaso de iu grava sindikato aŭ partio organizo. La redaktoroj ne perlaboras salajron; nia knabo ŝuldas sian ekziston al kelkaj miloj da diverstendencaj antifaŝistoj, kiuj trovas jam ligilon por sama unueco, en horizonto, k fluantan fonton por senigi malnovan soifon.

Ili nur estas niaj mastroj, k por respekto al ili, neniel ni hezitos diri la veron, sen ofendoj, pri ĉiuj manovroj celantaj fendi la aliancon, kiu venkis pace en la balotoj k venkas heroe nun en la fajro de tranĉeoj!

En Valencio, provizora ĉefurbo de la Respubliko, la urbestro, Domingo Torres, estas elstara membro de C. N. T. k fervora anarkosindikatisto plenumanta la registarajn decidojn pri milito k ekonomio. Ankaŭ en la urbo, la prezidanteco de la Junulara Alianco Antifaŝista apartenas al la anarkistoj. Ĉu tiuj ĉi simplaj mencioj sufiĉas por detrui kalumniojn k mensogojn pri teroro k persekutado kontraŭ la anarkistoj? Nia provizo de pruvoj, por konvinki fanatikulojn, ankoraŭ ne elĉerpiĝis!

# MOZAIKO

● En frontpaĝa artikolo de itala gazeto «Il Giornale d' Italia», oni legas: «Generalo Batisco, kiu estras la legianajn fortojn, estis la cerbo, la organizanto de la batalo de Santander. La aviadilaro, radio, artilerio k aliaj servoj, ĉiuj ŝuldas al lia genio la preparadon de la ofensivo, kiu estis ĉefverko laŭ inspiro k kapablo».

La agentejo «Radio» komunikas la nomojn de italaj generaloj, kiuj partoprenis tiun ofensivon. Ili estas: Bastico, de la itala stabo; Frusci, kiu estris divizion en Abisenio; Favagrossa, estro de itala intendenco; Roata, eksestro de informa servo de Milita Ministerio en Italio; Teruzzi, inspektoro de «nigraĉemizuloj» en Hispanio; k la generaloj Perti, Piazzoni, Bergonzoli, Francisci, Bissaccianti, Velardi k Manca.

Italio partoprenas en la Ne-Interveno... laŭ speciala maniero.

● Generalo Queipo ordonis deklari militzonon la provincon de Huelva k tiun parton el provincoj de Seviljo k Badajoz ĝis la ŝoseo de ambaŭ. Tie vagas elementoj «ne submetitaj». Se oni konsideras, ke jam de pli ol unu jaro, tiuj elementoj agadas sen kontakto kun la lojala zono, sub la plej izolaj kondiĉoj, oni ne povas sufiĉe alte taksi ilian kuraĝon.

● En iu monaĥinejo de Valencio, laboras kudrante vestojn por bezonoj de la ŝtato, 135 monaĥinoj, kiu vivas feliĉe, kontentaj pro tio ke ili gajnas honeste sian panon per utila laboro. Nek tiuj virinoj nek aliaj religiulinoj, kiuj estas en sama situacio, en aliaj urboj de la lojala Hispanio, kredas je siaj propraj turmentoj k ofendoj fare de la «ruĝaj hordoj».

● La 7an. de ĉi tiu monato, la lojala kirasŝipo *Libertad*, survoje al Cartagena, renkontiĝis kun pirata ŝipego *Baleares*, proksime al Oran (Franca Afriko). La kanonoj de la piratoj elĵetis unue kvar obusojn kontraŭ nia ŝipo. Ĉi lasta respondis per ĉiuj siaj buŝoj. Estiĝis batalo, kies daŭro estis proksimume unu horo. Antaŭ la kuraĝa kontraŭstaro k batalemo de niaj ŝipanoj, la pirata ŝipo decidis forlasi la batalon k fuĝi, malgraŭ siaj multe pli grandaj militrimedoj. En tiu lasta momento, alia registara ŝipo, *Méndez Núñez*, kun eskadreto de detruŝipoj alvenis helpe sed la pirato jam rapidege foriris.

Tio okazis dum la mateno k posttagmeze, je la kvina, aperis ree en la horizonto la sama ŝipo *Baleares*. Denove estiĝis batalo dum kiu pli ol du cen kanonpafoj interkruciĝis, ĉio daŭris dum pli ol horo k duono. Kiam la pirata ŝipo vidis niajn detruŝipojn, laŭŝajne timante ke iu torpedo povus trafi ĝin, ankoraŭfoje fuĝis, ĉi fojon definitive.

● Estas farita bilanco pri la viktimoj de kanonpafado al civila loĝantaro de Madrido. Oni ne povis kalkuli la nombron koncernantan la antaŭurbajn kvartalojn. Ankaŭ ne estas enkalkulitaj la bomboj k obusoj kiuj ne ekplodis, nek tiuj falintaj en parto de la urbo nomata «militzono».




GRANDA POTENCO PETAS ALMOZON

—Ĉu vi permesas al mi preni iomete da akvo?

Laŭ tiu bilanco, falis en la ĉefurbo 5.000 artileriaj obusoj k bomboj. Estis 768 mortintoj, ĉefe virinoj k infanoj, k 3567 vunditoj.

● Laŭ sciigoj el Civitavecchia (Italio) la itala stabo preparas aktive la sendon de granda amaso da trupoj al Hispanio. Granda kvanto da oficiroj, kiuj donove eniris la armeon por partopreno en ĵusaj manovroj, estas tuj sendotaj al nia lando.

● Nediskutebla pruvo pri la sinteno de hispana popolo rilate al nia konflikto estas la amasa forkuro de loĝantaro, kiam alproksimiĝas la faŝistaj trupoj. Ĉiutage alvenas ĉirkaŭ sep mil rifuĝantoj el Santander k Bilbao al Barcelono.

Tiu kruela, terura k deviga pilgrimado de hispanaj popolamasoj estas la plej rekta referendumo, kiun oni povis imagi.

● La rezulto de nia ofensivo en Aragona fronto estas jena: Pli ol naŭ cent kvadrataj kilometroj konkeritaj, kun pli ol du mil kaptitoj, centoj k centoj da forkurintoj, gravega kvanto da militmaterialo, potencaj fortikaĵoj de faŝista linio perditaj definitive por ili. La aragona ĉefurbo Zaragozo estas sub tuja minaco.

● La blanka teroro ekfunkcias jam en Santander. Estas kvin mil arestitoj k kvindek militaj tribunaloj kondamnas per rapidega juĝado la arestitojn. La murdado komencis jam, kiel en Badajoz k Malago.

● La pastroj Lazaro Vaquero, k Santiago Alegre, paroĥestroj de Belchite, sendis leteron al generalo Pozas, kiu komandas la trupojn de aragona fronto, dankante lin pro la sinteno de respublikaj trupoj rilate al ili. Nia armeo respektas la kaptitojn!

● Ĵus ekstariĝis la «Junulara Alianco Antifaŝista» kiu konsistas el ĉiuj organizoj de la junularo: marksistoj, anarkistoj k respublikanoj.

● En la svisa urbo Nyon, kun partopreno de gravaj potencoj, oni studis la manieron eviti la daŭran piratadon en la Mediteraneo. Post rapida interkonsento, ĉiuj subskribis decidojn, kiuj laŭdire estas absoluta garantio kontraŭ pliaj atencoj al fremdaj ŝipoj. Ni, kun prudenta skeptiko atendas la efikon por juĝi prave, ĉar nia sperto pri traktatoj ne permesas larĝajn optimismojn...

● Tomaso Masaryk, amata Prezidinto de Ĉeĥoslovakio, ĵus mortis. Li estis honesta demokrato k fervora amiko de Hispanio. En venonta numero ni omaĝos pli detale la respektindan avon de la eŭropa Demokratio.

**Esperanto estas progreso de racio kaj tute neniel reakcia bagatelo!**

# NI SERVU LA VERON!

En Aŭgust-Septembra numero de laborista esperantista gazeto *Sennacieca Revuo*, ni legas jenon:

LA MILITA SITUACIO STAGNAS EN HISPANIO

Ĉirkaŭ Madrido la respublikanaj trupoj provis disrompi la feran ringon enfermantan la ĉefurbon. Post komencaj sukcesoj ili poste denove devis cedi la konkeritan terenon, k precipe la ŝlosilpunkton Brunete... En Katalunio la kolektivigoj iom post iom estas nuligataj, k la burĝaj leĝoj ree estas validigitaj; centoj da anarkistoj estas arestitaj.»

Ni parolu unue pri militaj sciigoj. La ĉi supraj asertoj tiurilate, estas tute falsaj. Nek estas *fera ringo enfermanta la ĉefurbon*, nek ili (la respublikanaj trupoj) *denove devis cedi la konkeritan terenon k precipe la ŝlosilpunkton Brunete*. En la ĉi apuda desegno de la provinco de Madrido, oni montras tre klare, per linietoj, la nunan faŝistan fronton antaŭ ol la komenco de la aludita ofensivo. Post simpla rigardo oni facile konfirmas, ke la ĉefurbo, k antaŭurbo, ne estas k neniam estis enfermata en iu ajn ringo. Tiu iluzia ringo nur ekzistis en malsana menso de faŝistoj k de kelkaj diversspecaj «raportistoj». Nek la komuniko kun Lozoya, per kiu oni provizas je akvo la ĉefurbon; nek la komuniko kun provinco Guadalajara, kie ekzistas, alia fronto; nek la komuniko kun Valencio, kio okazas tra provincoj Toledo k Cuenca, estus eblaj, se ekzistus tiu fama sennacieca «fera ringo». En zono de la ofensivo oni montras klare, per punktoj, la pozicion antaŭan de faŝista fronto, k per linietoj la nunan pozicion. Facile aperas la «falseco» de la aserto rilatanta la ofensivon. Efektive, la respublikanaj trupoj konkeris la vilaĝojn, Villanueva del Pardillo, Villanueva de la Cañada, Quijorna k Brunete; poste la faŝistoj kontraŭatakis k devigis nin forlasi la vilaĝon Brunete, kiu restis... *k restas* «nenies tereno». Niaj trupoj estas ĉe unu flanko de la vilaĝo k la faŝistoj ĉe la kontraŭa flanko. Do, ni ne *cedis la konkeritan terenon;* ni nur perdis la ruinojn de tiu vilaĝeto. Pri la vero de niaj diroj estas nenia dubo. Eĉ kunredaktoro nia, milite deĵoras tie. Niaj legantoj zorgu atente pri misinformoj!




Nun, ni klarigu la informon pri kolektivigoj en Katalunio. La registaro de tiu regiono starigis dekreton pri kolektivigo. Tiu dekreto persiste validas k estas kreita de anarko-sindikatista ministro Juan P. Fabregas. Estis donita longega tempo por leĝe ordigi la kolektivigojn, k nun pli ol la duono da faritaj kolektivigoj estas submetitaj al reguloj de tiu leĝo. Ni serioze asertas, k reasertas, ke la leĝaj kolektivigoj ne estas nuligitaj en Katalunio nek en la cetero de la hispana lando; nur oni nuligas la kapricajn kolektivigojn, kiuj estis plej ofte truditaj perforte je la servo de novburĝaj grupoj, kiuj ne akordiĝas kun la koncerna revolucia leĝo.

Plie, pri la burĝaj leĝoj. Post la faŝista ribelo oni dekretis multajn novajn leĝojn k la plimulto el ili, ne estis nuligataj, do ili validas ankoraŭ. Nur estas revalidigitaj la burĝaj leĝoj, ĉefe respublikanaj, kiuj ne kontraŭas la novajn k kiujn oni kredis utiligeblaj ĉar estas vere demokrataj k taŭgaj por la nova situacio.

Ni estas jam tro sataj per priskriboj pri «teroro» en Hispanio k aludoj pli malpli rektaj al persekutado kontraŭ revolucianoj. Ni citu ekzemplon: dum la «terora reakcia subpremado», kiu sekvis la abomenajn okazaĵojn de Majo en Barcelono, k-do. Fidel Miró, konata gvidanto de la anarkista junularo, estis «enmurigata», laŭdire de pluraj el siaj sampartianoj, en k ekster la lando. Tiu impresiga novaĵo estis larĝe disvastigata de gazetoj, kiuj pretendas objektive informi... Tamen, post tiu inkvizicia turmento, k-do. Miro «elmuriĝis», verŝajne sendifekte k nun plenumas sian gvidan rolon plenlibere k dementas tiel la onidirojn, kiujn ekspluatas tiuj, kiuj havas intereson prezenti la realon laŭ sia tendenco.

Tio estas la vero, la simpla k tuta vero, k nur restas al ni bedaŭri sincere ke laborista gazeto, onidire supertendenca, tiel tendence, dogmeme, sekteme, partipolitikeme, k cetere, false informadas la legantojn. Por tia laboro nur oni povas atingi fuŝan rezulton: senkuraĝigi eksterlandajn kamaradojn, kiuj ne povas esti informataj propraokule; k per tio, iel oni ja helpas la faŝistojn.

---

HISPANAJ INFANOJ EN EKSTERLANDO

# KONSCIA ZORGO

En milito tiel klara kiel la nia, la malamikoj ankaŭ povas uzi sentimentalajn artifikojn por nuligi la efikon de bonaj klopodoj. Ebena tereno por tio estas la amaso da infanoj evakuitaj, el la nordaj hispanaj regionoj, el kelkaj nacioj. Niaj komentarioj temas nur pri la loĝado de niaj knabetoj en Anglio, Francio, Belgio k verŝajne ankaŭ en Nederlando. Jen la problemo:

Reakciaj elementoj, sub la masko de humaneco, sukcesis aliĝi k gvidi multajn lokajn komitatojn pri tiu porinfana helpo. Post hipokrita manovrado, estis facile livere la infanojn preskaŭ nur al reakciaj familioj, kiuj entreprenis tuj la taskon «katekizi» la «ruĝidojn». La malfeliĉaj infanoj rifuzis, pli aŭ malpli aktive, trudi-tajn faŝistajn ekzercojn, kio tiel freŝe ankoraŭ rememorigis al ili la aŭtorojn de teruraj scenoj. Spertinte fiaskon de la manovro, tiuj reakciaj «kompatemuloj» disvastigas la famon, ke ĉiuj evakuitaj hispanaj infanoj estas diablaj bubaĉoj, neniel dreseblaj, por malfortigi la emon, ĉe aliaj pli honestaj familioj, akcepti ilin.

Ni verkas tiujn ĉi liniojn por peti al niaj karaj legantoj —honestaj homoj el ĉiuj tendencoj, eĉ katolikoj!—el koncernaj urboj, kie tio okazas, klarigi amplekse la aferon k tre diligente zorgi kontroli la funkciadon de tiuj lokaj komitatoj, kiuj devas solidare k dankinde plenumi sian socian rolon k ne fariĝi nestoj de faŝistaj intrigoj sub etikedo de kompato.

Ni insistos, se necese, pri la sama temo!

---



Aktiva diverstendenca grupo da amikoj el Hago, kiuj senlace laboras en la nederlandlingva POPOLA FRONTO

# KIOM VALORAS ANGLA LABORISTO...

## KONKORDO EN LA INTERNACIA BRIGADO

En la lastaj tagoj, okazis en Madrido, k en aliaj urboj, festa omaĝo de ĉiuj popolaj organizoj al la Internaciaj Brigadoj.

Antaŭ unu jaro, ili venis al Hispanio. Ili ĉiuj estas homoj kun revolucieca historio k honesta celo. Neniam ili aljuĝis eksterordinaran gravecon al la belega gesto, forlasi sian landon k veni en la nian por lukti apud ni. Kiam ili trafis Madridon, ili marŝis per rapidaj paŝoj al sia kazerno. Scivoleme ili rigardis niajn stratojn k niajn domojn. Unu el la batalionoj trairis placon kiam la alarmaj sonoriloj kriis, pro danĝera proksimeco de aeroplanoj malamikaj. Tiam ne ankoraŭ Madrido estis alkutimiĝinta, rigardi trankvile la ĉielon k aŭdi sentime la eksplodojn de la artilerio. Kelkaj virinoj kuris rifuĝi. La homoj, venintaj el la paco aŭ de la silenta milito, konservis la vicojn k komencis kantadi *La Internacion* en pluraj lingvoj. La virecaj voĉoj plenigis la placon, sufokis la laŭtan sonon de la alarmiloj k kuraĝigis la virinojn. Multaj el tiuj kamaradoj jam mortfalis, en la batalo por la monda paco. Sed tiuj, kiuj vivas ankoraŭ, memoros ĉiam la kortuŝan krion el tiu maljunulino, kiu antaŭenpaŝis ĝis la rektaj vicoj dirante: —Sanon al vi, fratoj!

Tiuj, kiuj restas ankoraŭ el tiu bataliono scias, ke neniam oni diris al ili frazon, tiel justan k simplan. Ili batalis en cent diversaj frontoj. Ili estis la herooj de multaj venkaj tagoj. Ili luktis ĉe la pordo de Madrido k malproksime de tie. La torsoj fortaj k la vertikalaj fusiloj de la Internacia Brigado trairis ĉiujn ŝoseojn k ĉiujn vojojn, kie milito furiozas.

La veteranoj—kiuj batalas jam de unu jaro—kunigis sian sperton k kuraĝon al tiu de rekrutoj k hispanaj volontuloj. La hispanoj instruas ilin pri nia lingvo. La internaciaj kamaradoj montras leterojn de sia hejmo. Antaŭ nelonge, grupo da ili, en la kampo, en provizore trankvila fronto, interparolas. Iu germano diras: —La hungara bataliono ricevis leteron el k-do. Rakoŝi.

Hispana soldato, kun kamparana vizaĝo, demandas:

—Kiu estas tiu Rakoŝi? Ĉu, unu el viaj ĉefoj?

La germano ridetas kamaradece. Li scias, kiu estas Rakoŝi, ankaŭ kiu estas De Brouckere. Ĉar li scias tion bone, li venis al nia lando por najli la flagon de la finvenko sur la kanonojn de Hitler.

—Rakoŝi estas hungara laboristo. Bona kamarado via k nia. Bonega kamarado de ĉiuj laboristoj de la mondo. Nun li estas en karcero. Jam de dekdu jaroj, li estas malliberigita de individuoj, kiuj simpatias al Franko, de uloj kiuj malamas la popolon, kiel la generaloj ribelintaj kontraŭ vi.

La kamparana soldato de Hispanio komprenas.

—Tiel do, tiu Rakoŝi estas amiko nia k volas, ke ni venku, ĉu ne?

—Jes. La letero, kiun li sendis al hungara bataliono, tion diras. Kaj li estas certa pri tio, ke via venko taŭgos por malfermigi la pordojn de lia karcero.

Alia grupo komentas ĝoje la omaĝon, kiun popolo preparas.

—Mi jam estas madridano!

Diris tiujn vortojn iu blonda junulo, kiu apenaŭ ekparolas nian lingvon. Sed li vere estas el Madrido. Adoptita filo de la granda urbo el fero, kun ĝia lukto por ĉiuj antifaŝistoj de la mondo. Li naskiĝis en Londono k laboris ĉiam en iu angla haveno. Tie li eksciis, ke oni povas batali en Hispanio, kiel volontulo por Libero. Lia nomo estas Kingston. Li estas trifoje vundita. En la kapo, per granda mitralpeco; en kruro, dum li prizorgis sian mitral-fusilon k lastan fojon en torsflanko, kiam li saltis en malamikan tranĉeon. Ĉiufoje, elirante el Hospitalo, li diras ĉe sia reveno al batalejo:

—Nun oni vidos, kiom valoras angla laboristo!

Tiun frazon li direktas al la malamiko, kiu neniam scias, kiom valoras laboristo de iu ajn lando. La lasta reala traduko de tiu frazo konsistis el tio, ke li kuntrenis al niaj vicoj, el malamika teritorio, mitralilon. El ĝia kanoneto pendis ĉapo de faŝisto k ekzemplero de gazeto el Zaragozo.

Al tiaj homoj, la popolo, la tuta hispana popolo, ĵus faris sian emocian omaĝon. La veraj volontuloj, kiuj venis libere kiel homoj konsciaj ne povas akcepti komparon kun la malfeliĉaj soldataj sklavoj, kiujn devige ni devas trapafi por ebligi al iliaj filoj, per nia venko, vivon sen milito.



## CIPRIANO MERA

Cipriano Mera, anarkisto k elstara membro de C. N. T., estas ankaŭ unu el plej amataj estroj de la Popola Armeo; antaŭ kelkaj tagoj, responde al demando, li esprimis, en madrida ĵurnalo, sian opinion pri unueca harmonio. Ni aperigas kun plezuro centrajn vortojn de tiu anarkista pioniro, kiu devas esti etika modelo por multaj anarkistaj k neanarkistaj laboristoj. Jen freŝa bukedo da belaj k honestaj pensoj:

«Hodiaŭ; estas granda fiero, por mi, aparteni al la Popola Armeo, kiu tiom da laŭroj jam scipovis gajni por nia afero.

Kontraŭ la Faŝismo, kontraŭ la unutendenca politiko, kontraŭ la malnobla varbemo, ĉiuj ni—anarkistoj, marksistoj k respublikanoj—kontraŭstaros per la baro de unu sola kuraĝo, unu sola volo k unu sola koro. En mezo de sama sufero mortis tre multaj k bonaj kamaradoj, kiujn mi vidis fali ridetante, rigardante unu la alian karese, kiel klasfratoj en laboro k tasko. Inter tiom abundaj epizodoj, pri sindono k heroeco, pri individua k kolektiva oferemo, estus ofendo k krimo, eĉ monstra perfido, semi intrigojn por malunueco, kverelojn por malpaco, konkurencojn por fuŝi la animojn k kalumniojn por veneni la korojn...»

# ELOKVENTE...

La enmarigo de la nova itala kirasŝipo *Vittorio Venetto* estas kvazaŭ klariono pri la milita mara potenco de kelkaj nacioj. La franca ŝiparo, kiu laŭ potenco estis la dua en 1914, nun okupas nur la kvaran lokon.

Kiam Germanio, en 1931 enmarigis la ŝipon *Deutschland* unua «poŝa kirasŝipo», Francio pliigis sian eskadron sed ne tiel intense, kiel la cirkonstancoj ŝajne postulis.

Italio atingis, de 1934. ĝis 1937., gravan pliigon k nun, oni povas diri, ke ne nur Italio havas superecon rilate al Francio, sed ke la supereco de Italio k Germanio kune, rilate al Francio, estas grandega, kiel oni deduktas el jenaj ciferoj:

| | | |
|---|---|---|
| Kirasŝipoj | Francio | 10 |
| | Germanio | 7 |
| | Italio | 6 |
| Aviadŝipoj | Francio | 1 |
| | Germanio | 2 |
| | Italio | 0 |
| Krozŝipoj A | Francio | 7 |
| | Germanio | 3 |
| | Italio | 7 |
| Krozŝipoj B | Francio | 13 |
| | Germanio | 7 |
| | Italio | 12 |
| Torpedŝipoj | Francio | 82 |
| | Germanio | 56 |
| | Italio | 71 |
| Submarenoj | Francio | 89 |
| | Germanio | 36 |
| | Italio | 78 |

Tiuj ciferoj klarigas, pli bone ol ĉiaj argumentoj, la sekreton de multaj manovroj fuŝe kaŝitaj tra la diplomata babilado.

# ĈINIO KAJ HISPANIO

La novaĵoj el Ĉinio estas nun legataj kun la sama atento kiel la sciigoj pri nia propra milito. Estas komuna lukto, tiu de Shanghai k Madrido. La defendo de la kolektiva libero k de la homa progreso estas la kaŭzo, kiu pelas la homojn arigitajn malantaŭ la Granda Murego k tiujn, kiuj grupiĝas en la tranĉeoj k parapetoj najbaraj al Madrido. La sama impulso, la sama pravo k fine, la sama venko.

Tiel komprenas la aferon la defendantoj de Madrido. Ĉe la pordoj de nia urbo, la popolaj soldatoj parolas pri Ĉinio k komentas kun ĝojo la epizodojn, kiuj favoras la ĉinojn k kun ĉagreno k malamo tiujn, kiuj estas favoraj al la japanaj invadantoj. Iu veterano diras:

—Nun la ĉinoj jam havas sian 7. de Novembro!

Alia soldato respondas: —Vi vidos, ke ili solvos la aferon, kiel ni solvis la nian.

—La mondo estas nun dividita je du klasoj de homoj. Tiuj, kiuj volas konkeri Madridon k Shanghai-on; k tiuj homoj, kiel ni, kiuj kontraŭstaras la konkeron de Madrido k Shanghai. Kiuj estas pli multenombraj, laŭ via opinio?

—Certe ni. Eble la aliaj havas pli da kanonoj. Sed se oni envicigus la homojn, kiuj pensas kiel ni, la longa vico envolvus dekfoje la terglobon. Dum ilia viceto apenaŭ irus de Madrido al Salamanka; jen ĉio!

* * *

Kelkaj batalantoj decidis skribi al siaj ĉinaj fratoj. En la profundo de tranĉeo, ili verkas la sekvantan simplan k emocian leteron: «Kamaradoj de la Ĉina popolo, heroaj defendantoj de via ĉefurbo! Grupo da soldatoj el la Popola Armeo de Hispanio—soldatoj, oficiroj, komisaroj—sin turnas al vi. Ni estas la defendantoj de Madrido. En tiuj malfacilaj k tragikaj horoj, kiujn vi travivas, ni kuraĝigas vin, resti surpostene senhezite en la batalo. Ankaŭ ni pasigis malfacilegajn horojn, antaŭ malamiko potenca, multe pli bone ekipita k armita ol niaj senorganizitaj grupoj da milicanoj. Sed ni sciis k kapablis defendi nian urbon k per tio, nur per tio, ni komencis venkobati la amikojn de niaj invadintoj. Ne ŝancelu! Nia lukto estas la via. Ĝi estas afero de la tuta Homaro. Vivu la Ĉina Popolo! Vivu la Popolarmeo!»

Sur la koverto, ili simple skribis tiun ĉi adreson: Komandejo de la Ĉina Armeo. La frapoj de moderna malamiko detruas la misterojn, kune kun la distancoj...

Nun ni promenas ĉirkaŭ la lago en la «Casa de Campo». Arboj falĉitaj per obusoj, feraj restaĵoj k homa ostaro inter ili. Antaŭ nelonge, falis tien germana aviadilo. Tiam estis tio, «nenies tereno». La aeroplano forbruliĝis inter la kontraŭaj tranĉeoj. Nun oni povas vidi k traserĉi la restaĵojn.

Kamparana soldato akompanas nin k rigardas fikse, kun medito. Post longa pripensa silentado, li diras:

—Tie, kiel ĉi tie, la faŝistoj estas ĉiam samaj. Similaj aeroplanoj, baldaŭ disrompiĝos kontraŭteren en Ĉinio!

Tamen, tiu malklera simpla k bonanima soldato, neniam aŭdis eĉ parolon pri la «plano Tanaka».

## DEFENDU MADRIDON!

(Dediĉita al hispanaj fratoj kaj la batalantoj de Internacia Brigado)

Tempo de Marŝo — Muziko de Lygi

1)Pre- nu tuj bom- ba-ron vi, ce-li al fi- ban-di-to
Fran- ko. Le- vi- ĝu, le- vi- ĝu His-pa- ni- a
grand-po- po- lo. Por la li-be- re- co
de vi- a pa- tri', ek- mar- ŝu al ba-tal- front' por
pa- co. Ku- ra- ĝu kon-traŭ per-fi-daj hun-
doj al la-sta ba- ta- lo! De-fen- du Ma-
dri-don, de-fen-du la pa-con del' tut-mon- do!

Antifaŝista kanto, honore al Hispanio, tre popolara inter la soldatoj de la Popola Ĉina Armeo, kiu heroe batalas kontraŭ la japana faŝismo. Ni publikigas la muziknotojn, kun la esperanta traduko de la teksto, laŭ kliŝo de «Ĉinio Hurlas», kvazaŭ iela danko k admiro por tiu frata samsorta popolo, kiu ne forgesas mildigi, dum propra terura doloro, alies suferojn

# TEMO SEN VARIANTO

Ĵus eliranta el Italio, kvalifikita laboristo raportis jene, en Francio, pri konata temo:

«Italio, kiu dronas en mizero, estas nun vasta kampo de milita preparado. La faŝistoj nur okupiĝas pri Hispanio. Tie, la gravaj k negravaj «nigraĉemizuloj» nur havas obsedon: Venki en hispana milito; pri ĝi oni parolas kvazaŭ temus pri milito ekskluzive itala. Por helpi Frankon, la itala faŝismo riskas ĉion!

Ĉiuj bombardadoj, kiujn suferis la hispanaj urboj Barcelono k Valencio, estas faritaj de la krozŝipoj *Duca d' Aosta* k *Armando Diaz*. La unua suferis difektojn dum bombardado pro la hispana kanonpafado, k estis devigata rapide fuĝi al haveno Spezia, kie nun oni aranĝas la difektaĵojn.

En insuloj Baleares k Cerdeña ĉiutage amasiĝas «volontuloj», kanonoj, aeroplanoj k militŝipoj. La 10. Aŭgusto eliris el haveno Gaeta du ŝipoj, kiuj transportis la trupojn de 22.ª regimento de infanterio kun sekcioj de kanonoj k mitraliloj. La 12. Aŭgusto eliris el Tobruc alia ŝipo, kiu transportis 2.800 «nigraĉemizulojn». La 27. Julio eliris el havenoj Palermo, Napoli k Gaeta, 5.000 «volontuloj» de la legioj de Florencia, Catanzaro k Sicilia. La 3. Aŭgusto eliris el haveno Genova 700 soldatoj apartenantaj al itala milita aviadilaro, inter ili, pilotoj, observistoj, bombardistoj, inĝenieroj k laboristoj.

En insulo Cerdeña estas starigita aera bazo, kie deĵoras aeroplanoj de bombardado tre rapidaj, kiuj ofte flugas por ataki ŝipojn. Ili estas pentritaj laŭ koloroj de hispana faŝista armeo. Dek unu submarenoj estas je la servo de Franko; iliaj nomoj estas forviŝitaj k ĉiu el ili kunportas hispanan maroficiron. Tiuj submarenoj mem estas kiuj torpedas en mediteranea maro la komercajn ŝipojn, la *Duce* cinike gratulis publike la ŝipanarojn de submarenoj *Millelire*, *Tazzoni* k *Falea*, kiuj plej distingiĝis en tiu tasko. Tiuj ĉi submarenoj «laboras» ĉefe dum la nokto, laŭ helpaj indikoj de germanaj k italaj ŝipoj. Kiam ili sukcesas dronigi iun komercan ŝipon, la itala registaro premias per mono la oficirojn de la submareno. Ofte la maristoj indigniĝis pro tio.

Resume, oni povas aserti ke Mussolini metis, je la servo de Franko, 2 krozŝipojn k 11 submarenojn krom ĉiuj germanaj k italaj ŝipoj, kiuj navigacias tra la Mediteraneo k helpas tiujn militŝipojn. La sorto de hispana milito estas por la faŝismo de Italio afero de vivo aŭ morto.

Sed la vera itala popolo protestas kontraŭ la diktatoreco. Eble Mussolini ricevos ian malagrablan surprizon de sia popolo mem...»

# ENTUZIASMO

## HISTORIETO EN TRI ĈAPITROJ

I

**Optimisma Invito**

Huelva estas provinco andaluza, kiu situas sudokcidente en Hispanio, apud la portugala landlimo, sub premo de la faŝismo. La estro de la ĉefurbo publikigis sekvantan alvokon al la malfeliĉa popolo:

«Urbanoj! Brila reprezentantaro de la Itala Eskadro partoprenos ĉijare la tradician feston pri la datreveno de la elbordiĝo de Kolumbo el nia tero, por malkovri Amerikon.

La ŝipanoj de Italio estas niaj amikoj, kiuj en la tragikaj momentoj, kiujn ni travivas, estas iu netransirebla digo defendanta la Kristanan Civilizon kontraŭ la malpia k krima Marksismo. Okaze de la ĝojiga vizito de la idoj de nacio, kiu plenigis jarcentojn per progreso k kulturo k regis la mondon per Cezaroj; lando miriga, kiun la genia Benito Mussolini fandis en muldilojn el gloro, bonvenigu ilin korege, kiel la hispanoj de la Katolika Reĝino malfermis siajn brakojn al Kristoforo Kolumbo.

Vivu Italio! Vivu Hispanio! Vivu la *Duce!* Vivu Franko! — Via urbestro, José Domínguez Diaz de la Cuesta.— Huelva 31. Julio 1937. (II Triumfa Jaro)

II

**Amara Plendo**

«Kvankam estas doloriga al ĝi, la urbestraro ne povas silenti fakton neatenditan k malagrablan, nome la ne-ĉeeston de la popolo en la honoriga festo al la flago de la Patrio k al la bonega parado de trupoj, okazintaj hodiaŭ matene.

Kiam la glora militmaristaro itala ĵuse donis tiom da brilo al tiu tradicia festo pri la vojaĝo de Kolumbo, estas tre bedaŭrinda la foresto de la publiko en tiu solenaĵo, spirita omaĝo al tiuj, kiuj oferas sian vivon al la Patrio. Tio signifas, ke la familianoj de niaj heroaj soldatoj nek sentas la nacian doloron nek sian propran.

Ĉar la cirkonstancoj trudas al ni ĉiuj la devon diri la veron, tiu ĉi urbestraro proklamas laŭtege, kun sangumita koro, pro malĝojo, ke la foresto de ĝiaj kunloĝantoj, en la omaĝo al la Nacia Standardo, ne decas al la patriotismo de la urbanoj k ke la nova Patrio, kiun ni nun forĝas, nur volas hispanojn de unu sola klaso. Tiuj, kiuj en ĉiu momento, en la avangardo k en la ariergardo, scias plenumi sian devon. La aliaj nek estas, nek rajtas nomi sin hispanoj k nur meritas malŝaton k punon pro sia malnobleco.

Huelva 4. Aŭgusto 1937.

(II Triumfa Jaro)».

III

**Afabla Peto**

«La 15. de la nuna monato estas unujara datreveno de la restarigo de la malnova k glora Flago de la Patrio, kiun forigis ĉe sia alveno la malamata reĝimo, okazigînta ĉiujn nuntempajn malbonojn en Hispanio (*). Atentante la dezirojn de la bonaj patriotoj, por soleni la ĝojigan datrevenon, tiu ĉi urbestraro decidis organizi la «Omaĝon al la Hispana Flago», kiun partoprenos la tuta loĝantaro senescepte. Tial do, mi decidis la jenon:

La 15. kurantmonate, por solene festi la Nacian Flagon, sub kiu oferas sian vivon la hispanoj, kiuj defendas ĝin sur la batalkampoj kontraŭ la marksismaj hordoj, ĉiuj domoj k etaĝoj de la urbo montros la flavoruĝan flagon (**) kiu restos tie ĝis la 30. de tiu ĉi monato.

Tiuj, kiuj ne aliĝos la «Omaĝon al la Hispana Flago» laŭ la donita ordono estos konsiderataj kiel malamikoj al la Nacia Movado k, krom la publika malŝato, ili ricevos la punon, kiun meritas ilia antipatriotismo.

Huelva 7. Aŭgusto 1937.

(II Triumfa Jaro)».

EPILOGO

**Brila Sukceso**

En faŝista ĵurnalo *A. B. C.*, de Seviljo, flatema por la aristokrata pompo, aperis, kiel triviala broĉo, jena k treege elokventa sciigo:

«Huelva.—La urbestro monpunis la enloĝantojn, kiuj rifuzis la ordonon pri lokigo de flagoj en la fasadoj de la domoj, kiel omaĝo al la Nacia Standardo. La sumo de tiuj monpunoj jam estas multaj miloj da pesetoj.»

(*) Aludo al la Respubliko. (**) Antikva Monarkia Flago.

# EL KAJERO DE SOLDATO

Nia kara eksadministranto Rikardo Kiles, diligenta soldato nun en la frontoj de Madrido, sendas al ni kelkajn paĝojn de sia kajero, kiuj priskribas, laŭ intima maniero, ĝeneralajn travivaĵojn en tiu grava sektoro. Sensanĝe ni aperigas ilin kiel saluton de aktiva esperantisto al nia legantaro.

**26. Julio.**—Ĉe la unuaj matenhoroj niaj fortoj finokupas siajn novajn poziciojn. Konkeritaj antaŭ nelonge, ili tuj estas fortikigitaj en kelkaj lokoj.

Nova pejzaĝo. La okuloj komencas serĉi la poziciojn okupatajn de la malamiko.

Frumatene je la 6.ª horo komencas pafi la faŝistaj baterioj. Estas la komenco de la bataltagoj en Quijorna, en centra subsektoro.

La artilerion baldaŭ sekvas la aviacio, kio anoncas malamikan atakon, kiu ne malfruas. Fortoj de infanterio k kavalerio atakas krozante la riveron Perales kontraŭ niajn liniojn. La artileria k aviacia preparadoj estas tion fortaj, ke la malamiko sukcesas antaŭeniri, ĝis kiam niaj fortoj reatakas impete k devigas la malamikon retroiri, post unu horo de peniga k heroa luktado. Dum kelkaj minutoj oni batalas korpe-al-korpe...

Baldaŭ alvenas al nia komandejo kelkaj kaptitoj k unu maŝinpafilo. Tio ĉi k la mortigitoj kiuj restas sur la batalkampo estas la rezulto de la faŝista atako kontraŭ niaj linioj de tiu ĉi subsektoro. La rekrutoj de 1931.ª jaro montris, ke ili ankaŭ scias batali.

**27. Julio.**—Kiam frumatene nin vizitas la aviacio, la unuan rezignacian geston anstataŭas ĝoja esprimo: estas la niaj! Dudek kvar aparatoj de bombardado flugas super Perales de Milla.

—Estas iom frue, sed ni refaras la hieraŭan viziton!—komentas iu apud mi. La tutan tagon daŭras terura batalado en kiu funkcias ĉiaj armiloj en malamika konkurenco.

Nur malfruvespere renaskiĝas preskaŭ absoluta trankvileco. Sed dum la nokto ankoraŭ aperas du faŝistaj aviadiloj, ili ne longe flugos: unu el ili brulas en la aero k la alia prudente foriras. Momente ni ne scias al kio obeas la brulado de la falinta aviadilo.

**28. Julio.** Komencas la hodiaŭa tago kun la plej kompleta kvieteco. Ni sciiĝas, ke la aviadilo, kiu brulis hieraŭ nokte, estas terenfaligita per unu el niaj ĉasaparatoj. Tio okazas unuafoje en la milito, ke aviadilo estas faligita dumnokta aerbatalo. Nia aviacio estas kiu tion faris, montrante, unufoje pli, sian kapablon.

Vespere komencas novaj bombardadoj. La artilerio k aviacio pli bruege pafadas niajn poziciojn k ni atendas la infanterian atakon, pretaj ĵeti nin kontraŭ ilin pli kuraĝe se eble ol hieraŭ; sed la malamiko jam ne atakas. Strategia prudento!

**27. Julio.**—Apenaŭ ni povis dormi; ĵus komencas la tago. Estas la 1'30 horo frumatene kiam la malamiko kredante surprizi nin sin ĵetas al atako, de ni jam atendata. La fusiloj de niaj unuaj linioj sufiĉas por montri, ke ni ne dormas k baldaŭ revenas trankvileco. Dum la tuta tago la malamiko ne vidigas sin.

**30. Julio.**—La malamiko retiras fortojn. Tio signifas, ke la bataltagoj finiĝis en ĉi tiu subsektoro de la centra sektoro.

Komencas konstanta transirado de forkurintoj de iliaj linioj al la niaj. Ĉiam la samaj tre teruraj rakontoj pri la nigra Hispanio. Kiam ili alvenas ili renkontas ĉiam niajn kamaradecajn brakojn.

**31. Julio.**—Oni sciigas al ni, ke nia Brigado, nia juna Brigado, foriras ripozi kelkajn tagojn al iu proksima vilaĝo, por tuj alkuri poste al iu alia fronto, kie estos bezonata Ŝturma Brigado!

Rikardo KILES
De la 99ª Brigado

Subsektoro de Brunete.

**La venko de Hispanio ne apartenos al unu tendenco sed al harmonio de diversaj opinioj!**

## NOTOJ POR LA HISTORIO

En sia numero de la 4. Majo 1937, *Solidaridad Obrera* presorgano de C. N. T. publikigis alvokon, al kies teksto apartenas la sekvantaj frazoj:

«KAMARADOJ DE LA ŜTATAJ FORTOJ!

Al vi, kamaradoj de la Ŝtormgvardio k Respublikana Gvardio; al vi, niaj kunuloj en la gloraj tagoj de Julio, kiuj luktis en defendo de la plej noblaj idealoj, apud la laborista popolo; al vi, kiuj estas, kiel ni, karno de l' popolo k gardistoj de ĝia libero, estas adresitaj tiuj ĉi vortoj, kiujn inspiras humana sento k vivigas fervora dezirego pri kunfratiĝo.

La 19. de Julio, la tagon neforgeseblan, kiam kune la popolo k la armitaj fortoj skribis per sia sango la unuan paĝon de la plej brila epopeo, kiun registras la Historio, estis sigelita la paco inter la armitaj institucioj k la laborista klaso.

Ne estis tio, unuiĝo forfluganta. Ĝi estis alianco, elĵetata al estonteco, de amo por ĉiam, ĉar ĝi havis sian bazon en la egaleco, je deveno, kun la popolo; tiu sindona popolo el kiu ambaŭ devenas, la laboristo, kiu konstruas k la gvardisto, kiu zorgas pri lia libero.

Memoru tiun heroecan daton, kiam kunfandiĝis niaj animoj ĉe la varmo de nova suno. Kaj turnu la okulojn al la laboristoj, kiuj ne malamas nek malŝatas vin, sed vin konsideras kiel kamaradojn.»

Tio aperis en grava anarkista ĵurnalo, tiel dementante, ke C. N. T.-F. A. I. estas la solaj venkintoj de la militribelo dum la 19. Julio. Tie estas agnoskite, ke «apud la popolo» (popolo ne konsistas ekskluzive el anarkistoj) ***batalis la publikaj fortoj de la Registaro.***

Kaj tiu deklaro aperis kiam, laŭ komentoj tra kaprica kartoskizo de kamarado, kiu eksterlandiĝis *antaŭ la teroro*, ĉiuj policaj pozicioj kapitulaciis sinsekve.

Tiel oni skribas la Historion!

# EN LA REGNO DE LA FANTAZIO

Tiuj el niaj legantoj, kiuj ŝatas rakontojn pri aventuroj, povas ĝui patosan sensacion k senti la skuojn de plej tremanta emocio per legado de unika romano tiuspeca, kiu kun titolo «Barcelono, plej alta espero de Revolucio» aperis en la n.° 6-7 (Aŭgusto-Septembro) de «Sennacieca Revuo» prenita el «Informa Bulteno, C. N. T.-F. A. I.» de Barcelono, eldonita fine de lasta Junio.

Kun la romano aperis kurioza kartoskizo, kiu certe vekos ĉe multaj legantoj rememoron pri la mistera landkarto de la fama verko de Stevenson, «La Insulo de la Trezoro», escepta specimeno de tia literaturo, kiu logis nin en nia juneta aĝo.

Legante la rekomenditan rakonton, oni sciiĝas plendetale pri la «vera vero» rilate al nia milito k revolucio... de anarkista vidpunkto, kompreneble. La plej senbrida fantazio je la servo de fanatika sektemo regis la verkiston.

Ni ja komprenas, ke la romanisto statis en la monato Junio sub tre freŝa k ne tre agrabla impreso. Aliflanke ni scias, ke la verkon oni destinis al eksterlando, sekve ĝi estas speciale verkita por eksporto. La propaganda celo do, klarigas ĉion. Prezenti sin mem kiel solaj venkintoj, kiel ekskluzivaj konstruantoj, kiel nuraj reprezentantoj de la laborista klaso, kiel absolutaj militbatalantoj, kiel solaj viktimoj de interpuŝiĝoj; tion oni povas fari nur, kun ŝanco pri sukceso, por la naivaj sampartianoj alilandaj. Sed, nek la katalunaj laboristoj, nek tiuj de la cetera Hispanio, kredas je tiu anarkista monopolo. Nia popolo dum pli ol unu jaro jam havas sufiĉe da sperto k scias «sian» veron, la sole aŭtentikan veron, ne influata de propagandoj sed lernita per instruaj faktoj k per ĝustaj k justaj komparoj.

Ofere al la unueco antifaŝista de Hispanio, ni sisteme silentis en nia publika tribuno ĉion, kio povus damaĝi la bonajn rilatojn kun la kamaradoj anarkistaj; ne ĉar ni ne povas refuti ilin (tio ja estas farebla eĉ per tekstoj anarkistaj!) sed ĉar ni ĉiam kredis, ke estas preferinde por la bono de la laboristaro, kunbatali la faŝismon anstataŭ interkvereli k ĉar ni pensis, ke estas pli bone utiligi Esperanton por propagandi la komunan aferon ol por montri niajn diverĝojn, kiujn ni povas pridiskuti hejme. Sed neniu kredu, ke mankas al ni argumentoj por kontraŭdiri la sensaciajn fabelojn, kiujn enhavas tiu ekstreme partiecega romano, ĉar la fonto ekde la 19. Julio 1937. fariĝis neelĉerpebla...

En nia ĝisnuna konduto ni volas persisti ĉar ni ne volas ĝojigi la faŝistojn. Ĉar la nuna sinteno de la anarkistoj en Hispanio estas tre malsama ol tiu, kiun ili havis antaŭ kelkaj monatoj—feliĉe por ni ĉiuj—ni esperas, ke ni ne estos devigataj ŝanĝi nian objektivan normon, kiu estas ja tre multe pli malfacila ol tiu de plena reprezento al unu tendenco. Intertempe ni denove rekomendas la legadon de la aludita numero de «Sennacieca Revuo» al tiuj kamaradoj, kiuj havas emon al blago, al blufo k al bombasto; absolute ne al tiuj, kiuj studeme interesiĝas por la simpla k neŭtrala vero pri Hispanio. Doni konsilojn pri sendogmemo certe estas pli facile ol agi sendogmeme...

# KOLEGA FLIKAĴO

En la gazeto «Informa Bulteno C. N. T.-F. A. I.» de 25. Aŭgusto aperis artikolo, pri la situacio en Katalunio, per kiu oni «malkovras» ekstermajn celojn kontraŭ la organizoj C. N. T.-F. A. I. Estas do necese diri kelkajn vortojn por eviti konfuzojn:

Politikaj diskutoj inter malsamaj partioj estas tute naturaj. La konduton de ĉiuj organizoj oni povas, devas k rajtas analizi k kritiki. Sed neniu partio rajtas diri, ke oni atakas ĝin se iu membro de tiu partio estas arestita aŭ suferas proceson okaze de punindaj deliktoj. La polico arestas k la tribunalo juĝas, post la necesaj pruvoj. Neniel policisto aŭ juĝisto povas—nek devas—rezigni plenumon de sia funkcio antaŭ la konsidero, ke la akuzito posedas membrokarton de iu ajn organizo. Kompreneble, se tiuj oficistoj agus tiel, ke aparteno al antifaŝista tendenco estas eblo por absolvo, ĉiu havus ja rajton fari malbonon, ĉar nun ĉiu civitano posedas antifaŝistajn dokumentojn.

Konkrete; pri la respektindaj organizoj, kiuj respondecas pri «Informa Bulteno» ni volas nur sciigi ke iliaj membroj sidas en *ĉiuj* urbaj k provincaj komunumoj de la popola Hispanio. Se temus pri sistema persekutado, kiel Ili povus partopreni tute digne k libere tiujn oficialan lokojn kie ili diligente laboras k ofte okupas gravajn postenojn, kiel tiu de urbestro en Valencio?

En ĉiuj tempoj, oni svingis, unu kontraŭ la aliajn, politikajn argumentojn por servi siajn partiajn interesojn. Tio estas legitima metodo. Tamen, por ĝuadi tiun meriton, la polemiko devas esti nobla; aliel la artifiko povas iĝi vundilo por la propra aŭtoro. En la aludita kazo, tiuj tro senpripensaj asertoj efikas kontraŭ la interesoj de la tuta hispana popolo, kiu ege bezonas la subtenon de la tutmonda liberala opinio. Se, trompe aŭ propagande, oni emfazas, ke la registaro persekutas proletojn k aplikas terorajn metodojn kontraŭ difinita doktrino, ni riskas perdi la valoran apogon de la internacia proletaro, kiu restos indiferenta al nia lukto. Neniam pro ideoj, nur pro faroj kontraŭ la ĝenerala volo, oni povas suferi kondamnon de la nova popola juro, kies kreinto estis anarkista ministro.



En alia fragmento, per kapricaj saltetoj tra frazoj de tikla artikolo nia, oni pretendas pruvi, ke ni akuzis la P. O. U. M.-anojn kiel spionojn de la faŝismo. Ni ne faris tion! Ni skizis nur la izoleman taktikon de tiu partio, kelkaj el kies gvidantoj estis enkarcerigataj sub grava akuzo. Ni menciis la akuzon ne esprimante alian opinion, pri la delikata afero, krom sincera deziro je baldaŭa klareco *por la bono de tiu partio mem*...

## ABONMANIERO

Nia gazeto ne havas fiksan abonprezon. Ĝi eldoniĝas nur per laŭvola individua monhelpo de sia legantaro. Ni elektis tiun sistemon ĉar tiel, ĉiu kroma sumeto de tiuj, kiuj povas pagi iomete plie, ebligas la ricevon de agrabla legaĵo al multaj, kiuj pro senlaboreco, aŭ aliaj kaŭzoj, ne povas pagi sian propran kotizon. Tial, se la enhavo k celo de la revuo estas por vi aprobinda k plaĉa, pagu vian liberan abonon al iu ajn el niaj internaciaj agentejoj:

| Ĝenerala Internacia Adreso | Nederlanda Adreso |
|---|---|
| nur por mono | nur por mono de holandanoj |
| GUSTAVE FARENC | PETRO van der PLANK |
| 55, Rue Brise-Pain | Van Speijkstraat, 48-1 |
| Poŝtĉekkonto 13944 Orleans | poŝtĝiro 245542 |
| ORLEANS (Loiret) FRANCIO | AMSTERDAM W. Nederlando |

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—23 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7

SVEDIO.—ARBETAR ESPERANTISTEN.—Barnhusgatan 8 ö. g. n. b., Poŝtĝiro n.º 55411, STOCKHOLM

BELGIO. — K-do M. DELFORGE. — 55, Rue de Heigne, Poŝtĝiro 199106, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA

**POPOLA FRONTO — Mar, 25, Valencia (Hispanio)**

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro . . | 92'70 | ptoj. |
| E. M.—Castuera. . . . . | 10 | » |
| F. J.—Barcelona. . . . . | 5 | » |
| A. E.—Mequinenza. . . . | 10 | » |
| J. P.—Algemesí . . . . . | 5 | » |
| R. Q.—Centra Fronto. . . | 10 | » |
| FLE Sekcio.—Enkhuizen. . | 2 | gd. |
| Geedzoj E.—Rotterdam . . | 1 | » |
| J. Weerman. -Amsterdam. . | 1 | » |
| FLE Sekcio 15.—Rotterdam. | 1'25 | » |
| F. L.—Amsterdam W.. . . | 5 | » |
| FLE Sekcio 9.—Rotterdam.. | 5 | » |
| FLE Sekcio 5.—Rotterdam.. | 2'20 | » |
| J. P.—Hvek v. Holland. . . | 1 | » |
| J. v. B.—Amsterdam . . . | 1 | » |
| R. D. Lea G.—Reichenberg. | 46 | ffr. |
| C. P.—Vaulx . . . . . . | 10 | » |
| L. W.—Sallaumines. . . . | 20 | » |
| R. L.—Paris . . . . . . | 10 | » |
| G. J.—Cholet. . . . . . | 10 | » |
| H. A.—Lannemezan. . . . | 50 | » |
| Ge-kdoj. L.—Pouy . . . . | 10 | » |
| J.—Toulon . . . . . . | 10 | » |
| J. T.—Castelnau Magnoac . | 5 | » |
| J. L.—Tarbes. . . . . . | 5 | » |
| F. G.—Livry . . . . . . | 10 | » |
| J. B.—Vence . . . . . . | 25 | » |
| D. G.—Nantes . . . . . | 20 | » |
| F. Th.—Mickle Gate . . . | 52'80 | » |
| F. O. H v. Q.—Thudaumot. | 10 | » |
| M. R.—Paris . . . . . . | 15 | » |
| A.—Levallois. . . . . . | 10 | » |
| W. L.—Warnsdorf . . . . | 50 | » |
| V. R. G.—Paris . . . . . | 10 | » |
| J. R.—Dijon. . . . . . . | 20 | » |
| J. G.—Riscensart. . . . . | 50 | » |
| H.—Lens. . . . . . . . | 5 | » |
| G. R.—Lyon . . . . . . | 5 | » |
| E. J.—Sallaumines. . . . | 42 | » |
| Lib. Ligo Esp.—Plzen. . . | 100 | ĉ. kr. |
| C. C.—Victoria . . . . . | 6 | ŝil. |
| E. G. «Tempo».-Trondheim. | 5 | n.kr. |
| D. K.—Bruselo . . . . . | 6 | b.fr. |
| J. B.—Antwerpen . . . . | 5 | » |
| J. P.—Braine l' Alleud. . . | 5 | » |
| M. D.—Amay. . . . . . | 25 | » |

## KORESPONDADO

**Simpla trilinia anonceto 4 f. fr.**

P. G. Donleben, Amsterdam O. Tuinbouwstraat, 10, Holando interŝanĝas PM, Deziras korespondi k. ĉ. l., p. ĉ. t. Skribu multenombre!

## LEĜAĴO POR FANATIKAJ OKULOJ

Largo Caballero, ĝenerala sekretario de U. G. T. k eksa ĉefministro, diris intervjue en Parizo, jenajn interesajn vortojn:

«En Hispanio, la fervoro estas grandega, la armeo nur deziras batali. La ekonomia situacio estas tute normala k nenio minacas la Registaron, kiu neniam estis tiel forta k respektata kiel nun. La marŝo de la milito iras malrapide sed nepre al la venko.»

Tiu ĉi simpla deklaro de la gvidanto de la, tro simple nomata de kelkaj, «revolucia socialismo» pruvas la mensogojn de fanatikaj personoj, kiuj tre insiste k suspektinde volas prezenti la legitiman popolan Registaron kiel «reakcian instrumenton de teroro».

La liberaj kapoj jam havas materialon por objektiva meditado!

## LASTA HORO

Al la ministoj de Asturio apartenas nun la bravajn epizodojn por deteni la marŝon de la invadintoj. Ĝis hodiaŭ, ili sukcesis!

En la aragona fronto, nia armeo daŭre premas k okupas bonajn poziciojn. En la sudo la situacio stagnas, tute same kiel en la ĉirkaŭaĵoj de Madrido pri kiu la faŝistoj jam ne plu fanfaronas...

Italio k Germanio ne haltas en la freneza liverado de karno k materialo. Kvankam tra la maro deĵoras nova kontrolo ni ne fidas multe pri la fino de la piratoj.

La Ligo de Nacioj kunvenas k Hispanio daŭre batalas; jen ĉio!

Presejo de J. Olmos, Alicante, 55, Valencia

## POPOLFRONTA LETERUJO

D. C.—Yumiden.—Ni ricevis vian afablan leteron k notis ĝian enhavon. Sincere ni dankas vin pro via bona helpo al nia komuna tasko.

L. K.—Nynashamn.—Ni dankas vin pro via subteno. Sendube vi jam konkludis pri la celo de organizoj kontrolataj de Brita konservativa registaro. Pri via korespondinto, ni enketas.

W. M.—Oulu.—Via p. k. bone alvenis k ĝia legado kortuŝis nin. Akceptu dankajn esprimojn. En koncerna rubriko ni kvitancis vian monsendon.

F. K.—Zagreb.—Ni ricevis tion, kion vi sendis. Ni sendas la petitajn ekzemplerojn. Dankon!

N. K.—Helsinki.—Via letero akurate trafis nin. Ni transdonos (kun traduko) la ĉemetitan leteron k dankas viajn klopodojn. Se vi kredas, ke estas io interesa en la raportoj aluditaj, bonvolu sendi tion al ni. Antaŭdankon!

M. G.—Bruselo.—Laŭ via deziro ni enketas pri via frato k ni ĝojos ricevi informojn, kiujn ni komunikos per la faka rubriko.

G. T.—Raasiku.—Ni ne ankoraŭ ricevis la anoncitan monsendon.

R. P. E.—Roterdamo.—Laŭ via deziro, estonte ni kvitancos vian monon aparte, en ĉi tiu rubriko. Ni dankas pro via laboro k notas la ceteran enhavon de via letero.

J. L.—Pouy.—La k-doj. el Tanger sendas al ni varman saluton, por ke ni peru ĝin al vi. Ni aldonas la nian.

B. S.—Atridaberg.—Via letero bone atingis nin. Aparte ni kvitancis jam vian sendon. Akceptu dankegon pro viaj klopodoj favore al nia lukto.

B.—Annecy.—Kun emocio ni legis viajn trafajn vortojn k ni ĝojas. En oportuna loko estas kvitancita via monsendo. Kiel vi ĝuste diras, ni bezonas konkretan helpon k objektivan komprenemon.

H. L.—Antwerpeen.—Vi certe ricevos la materialon, pri kiu vi interesiĝas. Dankon pro via valora helpo!

D. D.—Barcelono.—La liston da ricevontoj por «P. F.» ni bone notis k dankas vin pro ĝi k pro la anoncitaj libroj.

G. J. H.—Aŝ.—Ni bone notis la adresojn, kiujn enhavas via ŝatata letero. Ni estas kontentaj, ke la materialo el «P. F.» estas el vi utila.

F. F.—Luze.—Vian leteron ni ricevis k legis kun vera plezuro. Tutkore ni dankas viajn solidarajn vortojn.

L. B.—Bruselo.—Kun antaŭdanko ni akceptas vian proponon. Ni ricevos ĝoje viajn librojn, kiujn ni aplikos boncele. Ni notas, plezurigite, ke vi konsentas al nia laboro.

J. R.—Chalons sur Marne.—La emociaj vortoj, per kiuj vi esprimis la sentojn el via koro, tre kortuŝis nin. Ni pensas tutsame kiel vi pri la stato de la afero, kiun vi tre trafe pentris.

S. K.—Aŝhavad.—Dankon pro via tradukIaboro. Se eble ni publikigos vian verketon. Ceteran parton de via skribaĵo ni bone notis.

G. M. B.—Kirona.—Viaj laŭdaj esprimoj instigas nin en nia tasko. Ni dankas vian fortan apogon, kiu montras vojon!